No 4 Bern, la 4an de Aprilo 1939





# NI VOKAS VIN!



Oficiala Kongres-Gazeto
de la 31-a Universala Kongreso de Esperanto
29-a Julio — 5-a Aŭgusto 1939 BERN — Svislando

Eldonanto kaj redakcio: Loka Kongresa Komitato, Bern, Bundesgasse 18 Telefono 3 72 37

## Paca Kongreso!

La tuta civilizita mondo nuntempe suferegas pro profunda ekscitiĝo kaj maltrankvilege demandas sin: Kien do povas konduki tia despoteco de kelkaj potenculoj rilate al la sendefendaj kaj malfortaj ŝtatetoj? Ĉu la homaro denove devas timi teruran buĉadon de ĉiu kontraŭ ĉiu? Ĉu la multe laŭditaj progresoj en ĉiuj fakoj de la vivo, ĉu la kulturo kaj la scienco vere atingis nur, ke la frato buĉu la fraton, la najbaro la najbaron? Ĉu estas la kristanismo, kiu laŭ diro de kelkaj, ne kapablas plenumi sian taskon, aŭ ĉu eble estas ĝiaj kontraŭuloj, la pledantoj de sango kaj raso, anstataŭ de animo kaj spirito, ĉu estas la Diaj ordonoj pri amo al la kunhomo, aŭ ĉu estas la kruda malamo al senkulpuloj, pro kio la sango de milionoj ekbolas? Ĉu ne estas aroganteco, pretendi, ke la Providenco aprobas aŭ eĉ sankcias la perfortan subigon de liberamaj kaj memstaraj popoloj? Kiel do diras Schiller: Libera estas la homo, eĉ se li naskiĝis en katenoj.

Ni nek povas, nek volas ĉi tie respondi al ĉi tiuj gravegaj demandoj. Sed ni lasas la meditadon pri la tutmonda problemo al niaj karaj samideanoj. Tamen tion ni devas diri, ke la homaro, pro la ununura kulpego de kelkaj, estas sur la vojo al la stato de pli-malpli rapida, sed certa, kadukiĝo.

Ĉu ne ekzistas solvo, kiu povus savi la homaron el ĉi tiu korpopremo, el ĉi tiu politiko de katastrofoj kaj de konstanta ekscitigo?

En ĉiuj epokoj de la homara historio ekestis eminentaj spiritoj, kiuj instruis nin pri la vojo al la paco: „Estimu vian kunhomon, amu vian proksimulon, respektu la liberecon de la persono kaj de la popoloj", jen la admonoj de ĉi tiuj eminentuloj. Kaj unu el tiuj grandaj homoj diris: „Se la homoj deziras komplete interkompreniĝadi, ili por tio bezonas ankaŭ komunan lingvon, kiu en la reciproka interparolado neniun favoras kaj neniun postmetas." Kaj li kreis en Esperanto la plenvaloran kaj agrablan idiomon, kiu ebligas al ĉiu homo, ĉu alta aŭ malalta, ĉu instruita aŭ neinstruita, la ĝeneralan interkompreniĝon en la tuta mondo.

Ni, la Esperantistoj, ĝoje kaj plenfide ekuzis ĉi tiun lingvan rimedon kaj entuziasme festos en somero tiujara, en la libera kaj belega Svislando, nian kutiman kongreson. Per tio ni denove atentigos la tutan kulturmondon pri la eminenta efikado de la utilega universala helplingvo por la pacigo de la suferanta homaro.



Parto de la katedrala teraso en Bern
Maldekstre kaj meze: du el la malnovaj patriciaj palacoj

Sed la malesperigaj okazaĵoj sur la scenejo de la monda teatro serioze minacas nian bonan entreprenon. Pro tio la plej nobla devo de ĉiuj konvinkitaj adeptoj de nia granda ideo do estas, per plejeble multnombraj aliĝoj havigi al la 31a Universala Kongreso de Esperanto plej sukcesan forton kaj efikon.

Ni do petas ĉiun Esperantiston, al kiu iel estos eble, aktive partopreni al nia kongreso, ne plu prokrasti sian aliĝon. La Loka Kongresa Komitato serioze promesas, uzi sian tutan forton kaj sian tutan influon, por organizi la kongreson kiel eble plej zorge kaj havigi al la tutmonda amikaro tiom da utila kunlaboro kaj ankaŭ tiom da distraĵoj, ke ili ĉiuj nepre estos kontentaj kaj neniam pentos, ke ili ĉeestis unu el la plej belaj manifestacioj de nia duonjarcenta movado.

Vivu Esperanto!

Vivu la paco!

Vivu la 31a Universala Kongreso de Esperanto 1939 en

Libera Svislando!

Berno, 25a Marto 1939.

J. Schmid,
Honora Prezidanto de LKK.

# XXXI-a Universala Kongreso de Esperanto

Bern, 29-a julio — 5-a aŭgusto 1939

## Definitiva Kongresprogramo

**VENDREDO, 28a de julio.**
Malfermo de la kongresoficejo en la stacidomo.

**SABATO, 29a de julio.**
Akcepto en la stacidomo kaj gvidado al la loĝejoj.
**15.30:** Kunsido de IEL kaj LKK.
**20.15:** **Granda Internacia Kostumbalo** en ĉiuj salonoj de la Kursaal.

**DIMANĈO, 30a de julio.**
**10.00:** **Solena malfermo de la kongreso** en la granda salono de Kazino. (Detala programo sekvos.)
**14.30:** Ekskurso tra la Bern-Corniche.
**15.00:** **Surmonta diservo** sur Gurten. Ĉe malbona vetero komuna diservo en la katedralo.

**LUNDO, 31a de julio.**
**10.00:** **Laborkunsido de IEL.**
**10.00:** Rondveturado tra Bern, aŭ gvidado en grupoj.
**14.15:** Rondveturado tra Bern, aŭ gvidado en grupoj.
**14.30:** Fakaj kunsidoj.
**20.00:** **Festa prezentado de la „katedral-ludoj"** subĉiela prezentado.

**MARDO, 1a de aŭgusto.**
**10.00:** **Laborkunsido de IEL.**
**10.00:** Rondveturado tra Bern, aŭ gvidado en grupoj.
**14.15:** Rondveturado tra Bern, aŭ gvidado en grupoj.
**14.30:** Fakaj kunsidoj.
**14.30:** Lumbildparolado pri la historio de Svislando kaj pri la nacia festo de la 1a de aŭgusto.
**20.15:** Partoprenado ĉe la **federacia fondfesto,** en grupoj.

**MERKREDO, 2a de aŭgusto.**
Tuttaga **ekskurso al Jungfraujoch,** kaj Kleine Scheidegg.

**JAŬDO, 3a de aŭgusto.**
**10.00:** Laborkunsido de IEL.
**10.00:** Rondveturado tra Bern, aŭ gvidado en grupoj.
**14.15:** Rondveturado tra Bern, aŭ gvidado en grupoj.
**Ekskursoj:** Al Blausee (blua lago).
Al Schwarzsee (nigra lago).
**20.30:** **Kongresbalo.** Dancvespero. (Detala programo sekvos.)

**VENDREDO, 4a de aŭgusto.**
**9.00:** Fakaj kunsidoj.
**10.00:** Rondveturado tra Bern, aŭ gvidado en grupoj.
**Ekskursoj:** Niesen-veturado.
Chasseral (Jura).
Trans la Pillon-pasejo.
Trans la Jaun-pasejo.
Granda transalpa-veturado.

**SABATO, 5a de aŭgusto.**
**9.30:** **Solena fermo de la kongreso** en la granda salono de Kazino.
**14.00:** Gvidado tra la muzeoj.

**Postkongresaj arangoj:** 5a de aŭgusto ĝis 12a de aŭgusto.
Libertempa semajno en Berner Oberland sub la devizo: Ni ripozu!
Rondvojaĝo tra Svislando sub la devizo: Ni esploru Svislandon!
Libertempa semajno en popolaltlernejo Herzberg.
(Detalaj programoj sekvos.)

## Kvara informilo

**Adreso por leteroj:** 31a Universala Kongreso de Esperanto, Bern.

**Kotizoj:** sv. fr. 30.—. La edzo aŭ edzino de kongresano, same gejunuloj ne pli ol 20-jaroj pagas la duonon de tiuj ĉi sumoj.
Plej oportune vi pagas al nia poŝtĉeka konto III 11611, aŭ per monbiletoj aŭ al Volksbank Bern.
Pagejo por Britujo: BEA, 142, High Holborn, London W. C. 1.
Pagejo por Danujo: Dansk Esperanto Rejsebureau Jernbanegade 22, Nyköbing F.
Pagejo por Estonio: Esperanto-Asocio de Estonio, Postkast 6, Tallinn.
Pagejo por Nederlando: Vojaĝoficejo de „LEEN", v. Tuyll, Serooskerkenplein 33, Amsterdam - Z.
Pagejo por Norvegujo: Turista komisio, Box 353, Stabekk.
Pagejo por Polujo: M. Chmielinski, ul. Krasinskiego 4, Torun.
Pagejo por Svedujo: Turista komisio, Tegelbaken, Stockholm.

**Aliĝiloj** estas haveblaj ĉe la kongresoficejo, ĉe la landaj asocioj ĉe la turistaj komisioj kaj ĉe la IEL centra oficejo.

**Blinduloj** kaj ties gvidantoj ek de la 1-a de aprilo pagos po 5 sv. fr. por esti kongresano. Ili devas sendi ateston ke ili estas blindaj, subskribitan aŭ de IEL delegito, aŭ de Blindula Instituto, aŭ de kuracisto.

**Glumarkoj,** bona propagandilo, 100 pecoj kostas sv. fr. 1.20 aŭ 4 respondkuponojn.

**Donacoj** helpas sukcesigi la kongreson, la organiza komitato antaŭdankas al donacantoj.

**Blindula kaso,** helpu ebligi al blinduloj la kongresviziton, la komitato danke akceptas donacojn por tiu kaso.

**Loĝado kaj manĝado,** vidu la favorajn aranĝojn sur paĝo 3 de nia gazeto „Ni vokas vin", n-ro 2.

**Fakaj kunvenoj,** organizontoj frutempe anoncu siajn dezirojn.
Lasta dato: fino de junio.
Ĝis nun sin anoncis: Internacia Ligo de Esperantistaj Poŝt- kaj Telegraf-oficistoj.
Internacia Scienca Asocio Esperantista.
Kristana Esperantista Ligo Internacia.
Turista fako de Nederlanda Esperanto-Asocio „L.E.E.N."
Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj.

**Karavanoj:** Ni estas informitaj pri la jenaj karavanoj:
Britujo: BEA, 142, High Holborn, London W. C. 1.
Estonio: Esperanto-Asocio de Estonio, Postkast 6, Tallinn.
Nederlando: J. Telling, Schietbaanlaan 106-a, Rotterdam-C.
Vojaĝoficejo de „L.E.E.N.", v. Tuyll, Serooskerkenplein 33, Amsterdam - Z.
Norvegujo: Turista komisio, Box 353, Stabekk.
Svedujo: Turista komisio, Tegelbaken, Stockholm.
Usono: George A. Connor, 162 West 13 Street, New York City.
Por landoj kie ne ekzistas turista komisio ni interrilatos kun la firmo Cook pri karavanoj.

**Skolta tendaro.** En la 31a UK okazos ankaŭ la skolta tendaro 1939. Informojn petu de la fakdelegitino por skoltismo: F-ino G. Merz, Falkenweg 9, Bern.

**Oficiala kongresgazeto** estas „Ni vokas vin". Ĉiu kongresano ĝin ricevas senpage. Antaŭvidataj estas ok numeroj, la lasta enhavos la raporton pri la kongreso. La du unuaj numeroj estas multnombre forsendataj kiel varbnumeroj, interesuloj petu ilin de la kongres-oficejo. La proksima numero aperos dum majo.

**Ŝanĝo en la ekskursoj:** Bonvolu noti ke ekskursoj 4 (Thun-lago), 9 (Chasseral), kaj 10 (Schallenberg) ne plu povos okazi.

**Aliĝoj:** Ĝis 31. 3. 1939 aliĝis 525 el 23 landoj.

La Prezidanto: **H. Buchli.**

## Membrolisto de la Honora Komitato

**Honora Prezidanto:** Sinjoro *Pilet-Golaz*, Federala Konsilanto.

*von Almen Fr.*, Nacia Konsilanto, Prezidanto de la Trafika Societo Berner Oberland, Lauterbrunnen.

*Baltzer*, Profesoro, Rektoro de la Universitato Berna.

*Baertschi*, Dr. *E.*, Urbestro de Berno.

*Bittel*, *S.*, Direktoro de la Svisa Trafikcentralo, Zürich.

*Dumont*, Dr. *P.*, Prezidanto de la Trafika Societo de la urbo Berno.

*Gafner*, Dr. *M.*, Prezidanto de la Svisa Asocio por Fremdultrafiko, Berno.

*Hauser*, Dr. *F.*, Nacia Konsilanto, Basel.

*Kästli*, Prezidanto de la Berna Societo de Metiistoj kaj Profesi-istoj de la urbo Berno.

*Hügi*, Dr. *W.*, Prezidanto de la Berna Sekcio de la Svisa Asocio por Ligo de Nacioj.

*Hunziker*, *H.*, Ĝenerala Direktoro de P. T. T., Berno.

*Kradolfer*, *P.*, Direktoro de la Federala Oficejo de Trafiko, Berno.

*Marcuard*, *C.*, Prezidanto de la Burĝa Konsilantaro, Berno.

*Schmid*, *H.*, Prezidanto de la Berna Hotelista Societo, Berno.

*Schenker*, Dr. *H.*, Direktoro de Radio-Berno.

*Valloton*, Dr. *E.*, Prezidanto de la Nacia Konsilantaro, Lausanne.

*Zust*, Dr., Prezidanto de la Kantona Konsilantaro, Zug.

*Dürrenmatt*, Dr., Prezidanto de la Kantona Registaro, Berno.

*Grimm*, *R.*, Nacia Konsilanto, Fervoja Direktoro de la Kantono Berno.

*v. Ernst*, Dr. *F.*, Direktoro de la Internacia Oficejo de Telegrafoj, Berno.

*Schrafl*, Dr., Direktoro de la Internacia Oficejo por Fervoja Trafiko, Berno.

*Mentha*, Dr. *B.*, Direktoro de la Internacia Oficejo de Intelekta Propreco.

*Delaquis*, Prof., Ĝenerala Sekretario de la Internacia Komisio por Punjuro kaj Malliberej-Aferoj, Berno.

*Schüpbach*, Kolonelo, Prezidanto de la Bernkantona Societo por Komerco kaj Industrio, Kirchberg kaj Burgdorf.

---

## Grava informo pri la Moderigo de la biletprezoj en Svislando

La kongresanoj, kiuj vizitos la 31-an Universalan Kongreson de Esperanto en Berno kaj havas sian konstantan loĝlokon *ekster* Svislando, ĝuos ĉe la svisa fervojaro kaj ĉe la aŭtoĉarlinioj de la poŝta administracio biletrabaton de 30 % sub la jenaj kondiĉoj:

La restado en Svislando daŭru *minimume ses tagojn*.

La veturbiletoj devas esti akiritaj en *eksterlando* ĉe la agentoj de la svisaj federalaj fervojoj, en vojaĝoficejo aŭ en svisa limstacio.

Por poste ĉe fervojstacioj *interne* de Svisujo (esceptinte la limstacioj), aĉetataj veturbiletoj la rabato neniel estas donata.

**La moderigo koncernas la jenajn veturlegitimaĵojn:**

1. 3-monataj veturbiletoj de vojaĝoficejoj por alveturoj kaj reveturoj kaj rondvojaĝoj je laŭvolaj distancoj;
2. 45-tagaj kunmeteblaj svisaj biletoj por alveturoj kaj reveturoj, kaj por rondvojaĝoj de minimume 300 km;
3. 10- kaj 45-tagaj fiksaj svisaj kuniĝbiletoj por alveturo kaj reveturo;
4. 10-tagaj biletoj por alveturo kaj reveturo;
5. Ĝeneralabonoj por 8 kaj 15 tagoj.

Ĉar la prezoj por la veturatestoj menciitaj sub 2, 3 kaj 4, rilate al la normalaj prezoj, jam estas malaltigitaj je 20 %, la tuta rabato por ili sumiĝas je ĉirkaŭ 45 %.

Por la *familiaj kaj societaj biletoj* je moderigita prezo (societaj biletoj por grupoj de 6 ĝis 99 personoj), speciala rabato de 15 % estas donata.

Por la kongresanoj, kiuj deziras restadi en Svislando minimume 8, aŭ eĉ 15 tagojn, kaj kiuj intencas fari pli-malpli grandajn rondvojaĝojn, favoras pleje la de la svisaj federalaj fervojoj eldonitaj

### Ĝeneralabonoj

La ĝeneralaj abonoj permesas *libervolajn veturojn* sur fervoja reto de pli ol **5000 km**.

Depreninte la 30 %, la prezoj, en svisaj frankoj, estas:

| | Plenkreskuloj | | | Infanoj de 4—12 jaroj | | |
|---|---|---|---|---|---|---|
| | I. kl. | II. kl. | III. kl. | I. kl. | II. kl. | III. kl. |
| 8 tagoj | 91.— | 63.— | 45.— | 45.50 | 31.50 | 22.50 |
| 15 tagoj | 126.— | 87.— | 63.— | 63.— | 43.50 | 31.50 |

Krome la sumo de 5 fr. estas deponota, sed repagata kontraŭ ĝustatempa redono de la ĝenerala abonbileto.

Mendante skribe la veturbiletojn, klare indiku:

La deziratan biletspecon, la precizan vojaĝdirekton, la klason de la vagono, la daton de eniro en Svislandon, la elektitan svisan lokon de restado, kaj la numeron de la pasporto.

La vojaĝantoj estas urĝe petataj, *antaŭe* mendi, de la *svisa limstacio* la biletojn, kiujn ili tie volas aĉeti.

La vojaĝantoj devas legitimigi sin, per sia pasporto, pri la konstanta loĝloko ekstere de Svislando ĉiufoje, kiam oni postulas tion.

Infanoj 4—12 jaraj ricevas la rabaton ankaŭ sur la duonaj veturprezoj.

### Plifaciligoj por aŭtomobilistoj

**Tre malkara benzeno.**

Eksterlandaj feriogastoj, kiuj restadas, kun siaj aŭtomobiloj, en Svislando dum minimume 3 tagoj, ricevas la benzenon, kiun ili aĉetas en Svislando, kun dogana rabato de 15 ct. po litro, tiel ke la normala prezo de 45 ct. reduktiĝas ĝis 30 ct. po litro. Por povi ĝui ĉi tiun malaltigitan prezon, ili, enirante la landon, ĉe la limo ricevas „atestojn pri doganrepago por benzeno". Ĉe forlaso de la lando la doganoficejoj elpagas la prezdiferencon ĝis la kvanto de 300 litroj. La plifaciligo validas por personaj aŭtomobiloj kaj motorcikloj sen aŭ kun flanka veturilo, sed *ne* por luitaj veturiloj, veturiloj de transportaj entreprenoj kaj por aŭtoĉaroj.

**Diesel-oleo:** Fr. —.30 ĝis —.35 po litro. Meza prezo por garaĝoj fr. 1.50. Takso por hundoj fr. 3.—. Atesto de veterinaro estas postulata nur dum eventuala danĝero de epidemio. Bicikletoj dogane deponas fr. 25.—.

### Necesaj legitimaĵoj por aŭtomobilistoj

Pasporto, nacia kondukista atesto, nacia atesto por la veturilo, nacia polica ŝildo kaj nacieca signo.

Svislando ne postulas prezenton de internaciaj atestoj pri kondukado kaj veturilo. Tiu ĉi plifaciligo validas por la aŭtomobilistoj de ĉiuj eŭropaj kaj ekstereŭropaj ŝtatoj, kiuj estas membroj de la internacia kontrakto de la 24-a aprilo 1926, kaj same por la aŭtomobilistoj el Usono kaj Kanado.

**Kiel doganateston vi bezonos:** aŭ *provizoran enirkarton*, aŭ *triptikon*, aŭ kajeron kun rajtigiloj transiri la limon.

*La provizora enirkarto* estas havebla ĉe ĉiu svisa stratdoganejo. Ĝi kostas fr. 2.— por 10 tagoj, kaj fr. 6.— por 40 tagoj. Antaŭ la forpaso de la tempo, por kiu ĝi validas, ĝi per alpago povas esti plilongigata de 10 ĝis 20 aŭ 40 tagoj, kaj de 20 ĝis 40 tagoj. Ĉe forlaso de la lando la provizora enirkarto estu redonata al la elira doganejo.



La lago de Bachalp apud la vojo al Faulhorn; regiono de Grindelwald en Berner Oberland

Kiam restado en Svislando daŭras pli longe ol 40 tagojn, postulu *triptikon* aŭ *kajeron kun rajtigiloj transiri la limon*, ĉe turisma oficejo de la aŭtomobilaj asocioj. Ĉi tiuj legitimaĵoj validas unu jaron.

Por *motorcikloj* validas la samaj reguloj, tamen la membroj de rekonita asocio, prezentante ĉe la limo sian legitimaĵon, senpage ricevas kontrolateston, kiu validas por la kuranta jaro.

*Trad. J. Sd.*

# Tiel bonguste oni manĝas en Svisujo

Sinjoro Bergundtal sidas kun agrabla sento en sia favorata seĝo, la komfortega, malalta Louis XV Bergère en sia biblioteko. Ĵus li ĝueme elektis malhelan, dikan cigaron el sia kesteto. Pinĉ: for estas la pinto; sst: fajron. Nun ankoraŭ iom ombrigi la lampon. Pf — pf — pf —: tia vere bona deserto- cigaro, kompreneble svisa cigaro, gustas kiel... kiel...

Ĝuste pri tio sinjoro Bergundtal, la facile instruebla lernanto de Brillat-Savarin[1]) intencas ekesplori en profund-subtila maniero dum la trankvila horo post la manĝo.

Tom, la granda bruna Setter[2]) kun la sinceraj, or-brunaj okuloj, kuŝiĝis al la piedoj de sia komprenema mastro. Duon-

[1]) Brillat-Savarin: franca verkisto 1755—1826, lia verko: physiologie du goût.
[2]) Setter: angla hundoraso.



Panoramo al Wetterhorn, Berner Oberland

laŭta „bongusta ĝi estas!“ forglitas de la lipoj de sinjoro Bergundtal kaj Tom volonte konfirmas tion per ioma kaplevo sub la karesanta mano de sia estro. Tiu agrabla, bonefika, trankvila horo kaj tiu hunde komprenema mastro! Tiel pensas Tom —; fine ambaŭ, homo kaj besto estas certe samopiniaj kaj ne malpli en la ĝuado de la komforto.

Sinjoro Bergundtal kun iom malmiopaj okuloj rigardas supren al pompa portreto en peza or-kadro, kiu ornamas la laborĉambran muron, kiu sola ne estas kovrita de librovicoj. La portreto prezentas: Franz Nicolaus Bergundtal, ano de la suverena konsilantaro de la gepatra urbo, kolonelo de la gvardia regimento de Lia plej kristana Moŝto: la Sankta Ludovika- kaj Sankta Huberta-Orden-Kavaliro, vera ĉambelano ktp. Li estis „grandsinjoro“ de la malnova reĝimo, en selo samsperta kiel sur la parkedo de la reĝa rezidejo, amanto de raso-ĉevaloj kaj hundoj, amiko de belaj vrinioj; sed ankaŭ ne malpli de bona kuirejo. Kiel maljuna sinjoro, laca en honoro post jardekaj militservoj, li retiris sin al sia ĉarma bieno en la Berna lando kaj skribis tie du verkojn, kiuj poste famiĝis. Unu estas titulita „Traité sur la Tactique“ (lernolibro pri la taktiko), la alia „l'art d'aimer et de bien manger“ (la arto ami kaj bone manĝi). Sinjoro Bergundtal, la posteulo en la dudeka jarcento, la sepa en la posteula linio, posedas ilin ambaŭ; estas du lukse binditaj volumetoj kun ora profund-preso, „Ex Libris“ kaj multaj originalaj manskribitaj aldonoj de la aŭtoro.

Vivĝoje li rigardas el la bildo de granda majstro ankaŭ en la nuntempon ankoraŭ; sagace kaj noble, ĝueme parolas lia buŝo, hele rigardas la okuloj, kiuj vidis tiom da bataloj kaj virinoj, freŝkolore lumas la larĝa orden-rubando sur la brustkiraso.

Bärbeli[3]), la kuiristino, cetere vera „cordon bleu"[4]), kies famo lumas ne nur en la Bergundtal-a domo, ree preparis „Brienzlig"-ojn, tiujn moviĝemajn fiŝojn el la Oberlandaj lagoj; aldone paron da kolbasetoj, St. Gallen-aj „Schüblige" el la grasa monakeja komunumo. Tiuj „pato-najbaroj" kompreneble bonege akordiĝas, estas „ni" ja „kunpatriotoj", unuecaj en la multeco kaj multvarieco, kiel decas por solida konfederacia ŝtato. Bärbeli enkadrigis tiun orientsvisan pladon per solida Bernerrösti en butero — la Bernano diras „Anke" — rostitaj terpomoj kreskintaj ĝuste ĉe la lago, el kiu ruza kaj hipokrita fiŝhoko eltiris la malvarmetajn fiŝetojn.

Sinjoro Bergundtal, dum la postĝuo, kiu cetere estas la netrompebla koniga signo de la kulturita, al tradicio ligita gastronomo, nun pripensas la liston de la svisaj buĉistaj artoj. Jen estas la Salsiz, la klasika turista nutraĵo, kiun oni gustumis lastsomere dum montekskurso.

Ho jes, ekskursoj — la kilometra nombro tute ne gravas — ili kapablas ĉarmi koron kaj stomakon sammaniere.

En la kantono de Vaud sinjoro Bergundtal posedas malgrandan vinberejon. Tie en sia originala „trotadi"-domo, ĉe la lazura Ĝeneva lago, li kutimas alveni ĉiam precize por la rikolto. Bacchus! Jam la granda prapatro, ĝuste la aŭtoro de la lernolibroj pri armiloj, pri amo- kaj palato-artoj jam agis same.

Francsvisa kuirejo kaj francsvisa vino! Kiom bonarome gustas tia „Fondue" aŭ tia „Raclette", ambaŭ estas tipaj familianaj pladoj el altkvalita grasa svisa fromaĝo. Iom malsekigitaj, palatopretaj ili tamen fariĝas nur dum samtempa mempreskribo de botelo (aŭ de pluraj) el tiuj sunsaturitaj vinoj de la bordoj de la Ĝeneva- aŭ de la Neuchâtel-a lagoj. Certe ambaŭ meritas tri steletojn en la gastronomia Baedecker!

Liaj rememorantaj okuloj klare vidas la veran grandiozecon, kiu malfermiĝas kiel unika pejzaĝo de lia vinberujo, ĉiam denove ĝojigante la admiranton. La okuloj apenaŭ povas satiĝi. Jen oni frapas, kaj sinjoro Bergundtal fulme transsaltas la distancon inter sia „piedo sur tero" en la malnova prefektejo Aubonne kaj la Uecht-landa hejmo.

Envenu!

„Saluton, bonan vesperon!" „Ho vi, maljuna federaciano! Ĵus mi faris kvazaŭ kulinaran rondvojaĝon tra Svislando." Kaj tuje ili ambaŭ pluenteksas la saman fadenon.

„Ĉu vi memoras ankoraŭ tiun jam delonge pasintan senzorgan tempon, kiam ni ambaŭ junaj kaj enamiĝintaj kaj sen scio de niaj gepatroj — veturis al Zug?"

„Ho jes, kaj eĉ kune kun niaj adoratinoj."

„Sincere dirite, kun batantaj koroj ni kavaliroj kun niaj belulinoj eniris tiun puregan, malnovan gastejon apud la pordega turo, la Torturm, ĝi estas la Zug-a Zeitglocken (sonorilluda turo); ni estis tre timemaj, ke iu povus nin ekkoni."

„Kaj por malmulte da mono ni elektis bonegan menuon."

„Certe, precipe la bonaj ‚Zugerrötel' (ruĝetaj fiŝoj el la Zug-a lago) enskribiĝis en mian palato-memoron. Ili estas sambonaj kiel la ‚Bondelles' el la lago de Neuchâtel. Cetere vere ne mankas la bongustaj fisoj en nia lagoriĉa lando. Se mi pensas pri la ‚Féras' el la Ĝeneva lago aŭ pri la ‚ĉielarka truto' en la Sägistal-lago, mia buŝo vere salivas. Plie ekzistas la salmo en la svisa Rejno ĉe Basel, la urbo de la mokantoj. Tamen la feliĉaj tempoj forpasis, kiam iu saĝega, zorgema instanco dekretis, ke al la servistaro oni surtabligu salmon ne pli ol kvarfoje po semajno."

„Kiel niaj belulinoj pintumis siajn frandemajn buŝetojn, kiam oni laalportis deserton en la formo de la unika ‚Zuger Kirschtorte (Zug-a kirŝtorto), spicita per tiu aŭtentika, pramalnova kamparana ĉeriz-brando, per kiu ni servosoldate ankaŭ aromigis nian nigran kafon."

„Hm, ĝuste kiel nia Spiez-a kirŝo."

„Ĉu vi ŝatas eble cigaron? Jen mia ‚arsenalo': dikcigaroj de diversaj arom-fortoj — Seetaler Jubiläumsstumpen; jen herbo, kies aromo transmetas vin en la paradizon de Mohamed — Brissago, Ormond aŭ Grandson —. Ankaŭ kelkaj bonkvalitaj cigaredoj enestas."

„Volonte: — dankegon!"

„Jen la fajro."

„Fumadi vere gustas plej bone se dume oni mordetas iun dolĉaĵon; same renverse — almenaŭ al ni viroj — se la dolĉaĵo estas miksita kun la spicaromo de la tabako, la Dia planto."

„Bärbeli, Bärbeli, alportu la grandan frandaĵujon! — mi havas ĉiam provizon de daŭro-bakaĵo el niaj dudekkvin kantonalaj bakejoj, en kiuj kun pli aŭ malpli da fermentpasto oni knedas ankaŭ la politikon. Jen: Berner Lebkuchen, Baslerkej Zürcher-Leckerli, Luzerner- kaj Orientsvisaj-Birnweggen, Willisauer Ringli, Badener Kräbeli, Appenzeller Biber. Kun tio gustumu malgrandan stimul-likvoron, unu el tiuj multkoloraj boteletoj; kion deziras via ora amika koro? Iun Iva-Bitter el Grizono, iun Magenbitter el Interlaken, iun Fribourgan monakej-likvoron, aŭ ĉu eble iun Claret aŭ Hypokras — ĉio ĉeestas."

Konscie ĝuante tiujn patriotajn frandaĵojn la du kamaradoj el la militservo iom post iom denove forglitas en la pasintecon. Rememore ili haltas ĉe la grandaj aŭtunaj manovroj en la valo de l'Emme (Emmental); estis unu el la plej glorplenaj epokoj de ilia militserva kariero. Bela, hejmeca Emmental! Hejmregiono de originalaj homoj. Agosfero de Jeremias Gotthelf[5]), sidejo de la plej famaj fromaĝ-farejoj de la mondo, plie de la plej riĉaj kampargastejoj. Ĝuste en tia al ripozo invitanta gastejo „Urso" kun grandega tegmento kaj helaj, kun lume ruĝaj geranioj ornamitaj fenestroj, ili havis siatempe kvazaŭan triumf-festenon; lacaj, soifaj kaj malsataj ili estis post varmega manovra batalo. Ĉe la pure kovrita tablo en la panelita gastĉambro, sub la bildoj pri la lim-okupo en 1870/71, kiuj pendas cetere en tiom da svisaj hejmoj, tie ili fariĝis denove homoj sub la fortiga efiko de la plej riĉe prezentitaj manĝaĵoj kaj trinkaĵoj. La atentema mastrino en la Berna nacikostumo ĉiam denove demandis, ĉu vere gustas la manĝo kaj ĉu vere sufiĉas la aĵoj. Estas bona kutimo en la Berna lando.

Kiel ne gustu ĝi al la ree pacaj militĉefuloj, se por konkeri oni havis la sekvantajn poziciojn:

| | | |
|---|---|---|
| Fleischsuppe | Buljono | |
| Forellen au bleu | Trutoj „aŭ bleu" | |
| Bernerplatte | Berna Plado | |
| Hähneli mit Salat | Kokido kun salato | |
| Meringues | Meringues | |
| Fendant du Valais | Fendant de la Valezo | vinoj |
| Malanser | Malanser | vinoj |
| Kaffee mit Kirsch | Kafo kun kirŝo | |

Ho, tiu Berna plado! Tiuj rozaj fumitaj kotletoj, kamparanaj kolbasoj, lardo sur bonodoranta acida brasiko, ĉio estas ĉarme ornamita per salitaj terpomoj. Neniam mankas tiu bonmora plado ĉe la festenoj, kiujn la alta federacia konsilantaro aranĝas por la senditoj kaj ambasadoroj de la fremdaj potencoj.

Sinjoro Bergundtal, daŭrigante sian konversacion, ree flugas enpense al sia vinbereja domo kaj faras vojaĝprojektojn.

[3]) Bärbeli, karesa nomo por Barbara.
[4]) Cordon bleu: blua rubando, alta distingo.
[5]) Jeremias Gotthelf, svisa verkisto 1797—1854.



Direktoro *Portmann*, rektoro de la komerca lernejo por knabinoj, delegito de la urbo Berno en la LKK kaj vicprezidanto



*D-ro de Lerber*, komitatano de la Esperanto-Societo Berno, vicprezidanto de LKK



*H. Buchli*, direktoro de la trafik-oficejo; prezidanto de la Loka Kongresa Komitato por la 31a Universala Kongreso de Esperanto 1939 en Berno



*J. Schmid*, membro de la Esperantista Akademio; honora prezidanto de LKK



*Otto Walder*, fervora propagandisto de la juna generacio; ĝenerala sekretario de LKK

„Mia kara, kion vi opinias pri tiu programo?: Ni veturu venontan aŭtunon al miaj vinberejoj kaj bareloj apud la Ĝeneva lago. Mi loĝigas vin en la plej bela ĉambro, en tiu de Carlotta, mia ĉarma prapatrino, vi ja scias, ŝi estis la edzino de „mia avo en la Servo de Napoli"; ankoraŭ ĉiuj ŝiaj mebloj kaj aĵoj enestas. Kaj tie vi ricevos de mia plej bona ‚Dekunua'[6]) kaj mi farigos al vi kamparanajn kolbasojn (saucissons vaudois); ankaŭ la bonegan fungo-pladon, kiun vi ja tiom ŝatas. Cetere ni ja povas preni rondvojaĝbileton, ni faru ankoraŭ flankan ekskurseton en la kantonon Tiĉino — la revojaĝo estas ja mallonga tra la Centovalli-Loetschberg kaj la novaj elektraj kaleŝoj (fervojoj) veturas rapidege."

„Konsentite, tion ni faru!"

„Ek, al la simpatiaj „fratelli ticinesi" (tiĉinaj fratoj) al Minestra[7]) kaj Spaghetti, Panetone[8]) kaj bona Nostrano[9])!

Kiu el la kongresanoj ne emus ankaŭ entrepreni tian esplorvojaĝon tra la svisaj kuirejoj kaj keloj? *Trad. A.F.*

[6]) Dekunua: la vinrikolto en 1911, speciale bonega.

[7]) Minestra: legomsupo kun pastaĵoj.

[8]) Panetone: kuka pano kun vinberoj.

[9]) Nostrano: tiĉina vino.

# Svislando konstruas nacian ekspozicion

En la ĥoro de la popoloj kiuj per siaj ekspozicioj kaŭzas ke oni parolas pri ili, Svislando ne volas havi malantaŭan lokon. Tiu malgranda alplando en la koro de Eŭropo volas montri al la mondo, ke ĝi ne nur estas lando de vojaĝo kaj libertempo, sed per siaj industrioj, sia komerco, sia spirita vivo vigle interrilatas kun la grandaj landoj kaj popoloj de la tero. Tiuj rilatoj estas tiel multnombraj kaj tiel fruktodonaj, ke la svisoj rajtas kalkuli pri la intereso de la eksterlando, se ili kunigas en nacia elmontrado la plej elstarajn kaj plej bonajn de siaj faroj kaj la intensecon de siaj internaciaj rilatoj.

Tio kio distingas la svisan laboron kaj la svisan laboriston, ĉu li estas bankisto, aŭ inĝeniero, agrikulturisto aŭ hotelisto, estas la kvalito. La bonkvaliteco famigis la nomon de la svisa horloĝa kaj maŝina industrioj, de la tekstila industrio kaj de la fromaĝa fabrikado en la tuta mondo. La svisa popolo ĝustatempe ekkonis en kio devas konsisti ĝia forto en la konkurso de la nacioj. Malgranda lando sen aliro al la maro, sen propraj krudmaterialoj nur povas ekzisti per la alta kvalito de siaj produktaĵoj. Tial svisaj laboraĵoj kiel horloĝoj, brodaĵoj, estas unikaj sur la monda foiro, tial la svisa gasteja metio estas modela, tial svisaj trafikiloj estas famaj pro siaj pureco, sekureco kaj rapideco. Svislando estas lando de ordo, paco, fidindeco.

La hodiaŭa Svislando en alta grado aliĝis al modernaj vivformoj. Kiu el la cetera Eŭropo venas en Svislandon plej ofte estas surprizata, kiel tiu malgranda lando dum malmultaj jardekoj de prospera evoluado povis atingi tiel altan gradon de civilizo. Bonaj kaj multnombraj estas la stratoj kaj fervojoj, kvankam ili kaŭzas en la montara lando eksterordinarajn elspezojn. Moderna kaj praktika estas la utiligo de la akvaj fortoj, la organizo kaj instalo de la industrioj; modernaj ankaŭ estas la plej multaj urboj. La inventema praktika spirito de la sviso en sia kosmopoliteco montriĝis akceptema por la sugestoj el la vivmaniero de aliaj popoloj. Sed Svislando ankaŭ dum jarcentoj donis parton el siaj plej bonaj fortoj al la eksterlando, ĉu armeestroj kaj soldatoj kiel en antaŭaj tempoj, ĉu



*M. Ardüser*, studento de juro-scienco; 2a ĝenerala sekretario de LKK



Fraŭlino *Merz*, sekretariino de LKK



*A. Hilfiker*, financestro de LKK



*A. Pfister*, prezidanto de la turisma komitato de LKK



*E. Kohlund*, aktoro, prezidanto de la festa komitato de LKK

en pli nova tempo fondantoj de industrioj, inĝenieroj, sciencistoj hotelistoj, koloniistoj. Verŝajne ne ekzistas lando kiu proporcie al sia grandeco tiel vigle interrilatas kun la aliaj popoloj. Verŝajne ne ekzistas popolo, kiu ĝuas tiom da simpatioj akiritaj per lerteco kiel la svisa.

La svisa nacia ekspozicio okazos en somero 1939 en *Zürich*. Zürich la plej granda urbo kaj unu el la plej gravaj trafikaj kruciĝejoj de Svislando, estas facile atingebla el ĉiuj najbaraj landoj per aŭto, fervojo kaj aviadilo. Zürich estas la plej elstara svisa centro de komerco kaj industrio. La varioplena ĉirkaŭaĵo de la urbo, antaŭ ĉio la lago fama kaj ofte prikantata pro siaj pejzaĝaj belaĵoj, donas la eblecon dediĉi sin al ĉiu surtera kaj akva sporto. Zürich ankaŭ estas bona elirpunkto por la vizitado de la altmontaro.

La svisa nacia ekspozicio estos konstruata en du mirindaj grandaj parkoj sur ambaŭ flankoj de la *lago de Zürich* en tuta proksimeco de la urba centro. Ĝi estos tiel konstruata ke la vizitanto konstante havas la elvidon al la lago kaj alpoj antaŭ si. La aranĝo de la ekspozicio ne estos laŭ la maniero de la specimenaj foiroj, sed en interesaj kuniĝoj de samaj objektoj, tiel ke la vizitanto en plej stimulanta kaj senenua maniero povas orientiĝi pri la ekonomiaj, industriaj kaj kulturaj problemoj de Svislando kaj pri ĝiaj plej gravaj produktoj. Por la komforto kaj afabla akcepto de la vizitanto oni plej atente zorgas.

Grandega programo de sportaj kaj popolaj okazaĵoj, en kiu Svislando en sia varioplena tuteco esprimiĝos, estos organizataj dum la ekspozicio. Festaj procesioj, festaj teatraĵoj, subĉielaj prezentadoj, elmontradoj de naciaj kostumoj ktp. estas planitaj grandnombre. Sur la *sporta programo* kiu okazos dum la ekspozico staras pluraj grandaj internaciaj okazaĵoj, kiuj ankaŭ altiros la atenton de la eksterlando.

Multaj eksterlandaj gastoj jam nun preparas sin por viziti Svislandon en 1939, ne nur por trovi ripozon kaj sportojn en la libertempejoj, sed ankaŭ por konatiĝi kun la interno de Svislando per tiu unika okazo de la nacia ekspozicio en Zürich.

Dr. *Hans Rud. Schmid.*

---

*Geamikoj, vi ŝparas monon por la kongreso, ankaŭ ni devas ŝpari kaj petas tiujn kiuj jam havas kongres-gazetojn, ĉu ricevitajn en Londono aŭ de la grupo, ke ili notu la numerojn sur la aliĝilo en la malsupra dekstra angulo.*

*Oni klopodos havigi pli malmultekostajn loĝejojn por tiuj, kiuj bezonas ilin, kondiĉe ke ili sendu precizajn informojn pri la bezonoj, kaj respond-kuponon por pagi la afrankon de la informo.*

---

# 3-a listo de kongresanoj

402. H. Thilander, Stocksund, Svedujo.
403. S-ino V. Thilander, Stocksund, Svedujo.
404. S-ino L. Vanhersecke, Coudekerque, Francujo.
405. S-ino M. Haudebine, Paris, Francujo.
406. F-ino G. Spyns, Dunkerque, Francujo.
407. F-ino Krouch, Toulon, Francujo.
408. F-ino F. Connor, New York City, Usono.
409. G. A. Connor, New York City, Usono.
410. F-ino D. Tappan, New York City, Usono.
411. D-ro Vuko Jovanoviĉ, Karlovac, Jugoslavujo.
412. O. E. Houtsma, Doetinchem, Nederlando.
413. S-ino Houtsma, Doetinchem, Nederlando.
414. F-ino H. Sallenbach, Winterthur, Svislando.
415. F-ino L. M. Leathers, Ipswich, Britujo.
416. Prof. A. R. Tancredi, Savona, Italujo.
417. E. Specht, Basel, Svislando.
418. H. Rasmussen, Aarhus, Danujo.
419. F-ino M. v. Riessen, Haarlem, Nederlando.
420. F-ino E. Steinmann, Bern, Svislando.
421. S-ino S. Romen-Vriens, Rotterdam, Nederlando.
422. Rezervita.
423. J. R. Scherer, Los Angeles, Usono.
424. Prof. G. G. Vassio, Torino, Italujo.
425. Rezervita.
426. Rezervita.
427. D-ro Güpfert, Bern, Svislando.
428. D-ro E. Spahr, Payerne, Svislando.
429. F-ino J. Dubosq, Le Havre, Francujo.
430. S-ino Jacob, Thonon-les-Bains, Francujo.
431. S-ino E. Ernst, Bruxelles, Belgujo.
432. F-ino I. Halén, Tomteboda, Svedujo.
433. S-ino M. Halén, Tomteboda, Svedujo.
434. E. Kasoviĉ, Zagreb, Jugoslavujo.
435. D-ro M. Bánó, Budapest, Hungarujo.
436. S-ino I. Bánó, Budapest, Hungarujo.
437. F-ino K. V. Bánó, Budapest, Hungarujo.
438. C. Verlinde, Vlissingen, Nederlando.
439. F-ino A. L. Lackland, Stockholm, Svedujo.
440. F-ino U. Lind, Stockholm, Svedujo.
441. Rezervita.
442. N. Moesgaard, Sönderborg, Danujo.
443. K. J. Holm, Tromsö, Norvegujo.
444. F-ino M. E. Wagland, Sheffield, Britujo.
445. F-ino P. C. Sinclair, Buckhaven, Britujo.
446. E. R. Penny, Belvedere, Britujo.
447. S-ino E. Penny, Belvedere, Britujo.
448. F-ino K. Willison, Birmingham, Britujo.
449. F-ino K. D. Taylor, London, Britujo.
450. D. Ponti, Den Haag, Nederlando.
451. A. Rosselli, Cagli, Italujo.
452. S-ino E. Gerstner, Vac, Hungarujo.
453. S-ino E. Pluchon, Paris, Francujo.
454. G. Pluchon, Paris, Francujo.
455. S. Czarniecki, Starosielce, Polujo.
456. O. H. Behncken, Brisbane, Aŭstralio.
457. S-ino A. Deshays, Carpentras, Francujo.
458. Prof. R. Deshays, Carpentras, Francujo.
459. S-ino R. Spahr, Payerne, Svislando.
460. F-ino M. Fayet, Lausanne, Svislando.
461. F-ino R. Vogt, Lausanne, Svislando.
462. H. Hunn, Bern, Svislando.
463. A. Sprecher, Horw, Svislando.
464. J. Cawley, Hull, Britujo.
465. F-ino M. Ingleby, Hull, Britujo.
466. H. G. Andersson, Stockholm, Svedujo.
467. H. Epstein, Paris, Francujo.
468. F-ino G. Allen, Middleton Tyas, Britujo.
469. S-ino M. Andrews, Nottingham, Britujo.
470. K. I. Stephenson, Gateshead, Britujo.
471. L. Anwell, Newcastle-on-Tyne, Britujo.
472. F-ino M. Bedwell, London, Britujo.
473. S-ino E. Bedwell, London, Britujo.
474. F-ino J. Driver, London, Britujo.
475. G. S. W. Bull, Chatham, Britujo.
476. D. Byrne, Dublin, Irlando.
477. F-ino R. Byrne, Dublin, Irlando.
478. T. V. Inglis, Edinburgh, Britujo.
479. S-ino E. Inglis, Edinburgh, Britujo.
480. P. Wallace, Newcastle-on-Tyne, Britujo.
481. S-ino P. W. Worden, Bishop Auckland, Brit.
482. Rezervita.
483. Rezervita.
484. Rezervita.
485. F-ino C. M. Scheffelaar, 's Gravenhage, Nederlando.
486. S. Clarke, Leicester, Britujo.
487. F-ino A. Bernaerts, Lier, Belgujo.
488. Prof. G. Rotondo fu Michele, Bari, Italujo.
489. E. W. Magnusson, Stockholm, Svedujo.
490. T. A. Eriksson, Stockholm, Svedujo.
491. A. Larsson, Näsviken, Svedujo.
492. S-ino F. Falk, Angby, Svedujo.
493. M. Rabin, Warszawa, Polujo.
494. V. Lörinczi, Budapest, Hungarujo.
495. F-ino K. Schultz, Budapest, Hungarujo.
496. E. Meijer, Stockholm, Svedujo.
497. S-ino N. Meijer, Stockholm, Svedujo.
498. R. Curnel, Marcq-en-Baroeul, Francujo.
499. G. Ludovici, Cagli, Italujo.
500. F. Dallet, Nantes, Francujo.
501. S-ino Dallet, Nantes, Francujo.
502. P. D. Visser, Den Haag, Nederlando.
503. S-ino W. S. Visser-Boele, Den Haag, Nederlando.
504. S-ino C. Masselier, Neuilly-Plaisance, Francujo.
505. A. Masselier, Neuilly-Plaisance, Francujo.
506. F-ino A. M. van Thiel, Amsterdam, Nederlando.
507. F-ino J. J. van Thiel, Ijmuiden, Nederlando.
508. F-ino M. Greaves, Gateshead-on-Tyne, Britujo.
509. F-ino I. Rumney, Newcastle-on-Tyne, Britujo.
510. Rezervita.
511. Rezervita.
512. Rezervita.
513. S-ino D. B. Suszek, Starosielce, Polujo.
514. F-ino A. Melchior, Kalundborg, Danujo.
515. F-ino G. Monrad, Köbenhavn, Danujo.
516. P. Talon, Casablanca, Maroko.
517. G. Bougault, Besançon, Francujo.
518. L. Herr, Besançon, Francujo.
519. L. Bouter, Besançon, Francujo.
520. S-ino L. Müller, Zürich, Svislando.
521. F-ino A. Eberhard, Thun, Svislando.
522. J. L. H. Moll, Leiden, Nederlando.
523. F-ino N. M. Cripps, Buckhurst Hill, Britujo.
524. Rezervita.
525. F-ino A. Karlsson, Stockholm, Svedujo.
526. F-ino R. Lind, Stockholm, Svedujo.
527. F-ino R. Sandahl, Stockholm, Svedujo.
528. G. Duranti, Ancona, Italujo.
529. F-ino J. Post, Bussum, Nederlando.
530. J. Wit, Bussum, Nederlando.
531. A. Vandenboche, Bruxelles, Belgujo.
532. P. Romyn, Amsterdam, Nederlando.
533. P. Meyer, Amsterdam, Nederlando.
534. S-ino A. Musella, Roma, Italujo.
535. Prof. V. Musella, Roma, Italujo.

Resumo: Aŭstralio 1, Belgujo 19, Brazilo 1, Britujo 180, Bulgarujo 1, Ĉeĥoslovakio 4, Danujo 8, Estonio 10, Finnlando 3, Francujo 73, Hispanujo 1, Hungarujo 6, Irlando 2, Italujo 17, Japanujo 1, Jugoslavujo 4, Maroko 1, Nederlando 49, Norvegujo 12, Polujo 6, Svedujo 36, Svislando 67, Usono 6, rezervitaj 17.
Entute 525 el 23 landoj.